2.ª Ep. AÑO II, N.º 8 (144) JULIO - AGOSTO 1964




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La 6.ª Barcelona - Provinca Esperantista renkontiĝo, okazinta la 26an de Aprilo 1964a, en Villanueva y Geltrú, atingis la atenditan, brilan sukceson kiun Esperanto ĉiam garantias.

La bildo montras la Infanhoron de Piaj Lernejoj de Igualada kiu sub la gvido de Pastro Jose Vidal Sch. P. bele kantadis diversajn motetojn dum la inaŭgura meso.

En internaj paĝoj raportas Sro. Hernández Llusera.

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## El Sekretariejo...

He aquí algunas noticias para nuestros samideanos:

1.ª Ha sido concedido el matasellos especial para nuestro Congreso Jubilar. En la Kongresejo se instalará una oficina postal a disposición de los congresistas.

2.ª En la fiesta que se organizará con motivo de la lectura de los trabajos y reparto de premios del Concurso Literario, presidirá la sesión una señorita valenciana vistiendo el traje regional. Como se ha previsto que dicha señorita sea acompañada por una corte de señoritas visitiendo los distintos trajes regionales españoles, lo ponemos en conocimiento de todas las Esperantistas, para que quienes deseen participar lo comuniquen a Secretaría de H.E.F.

3.ª Rogamos a nuestros samideanos que a partir del 5 de julio envíen sus aliĝiloj al Secretario del Comité Local Dn. Angel Mañero, c/Guillén de Castro n.º 133, 2.º—Valencia - 8.

Asimismo del 16 hasta el 28 de julio, la Secretaría de H.E.F. se instalará en Valencia-5, calle Conde Altea, núm. 62, 2.º, 4.ª Tfno. 335313.

4.ª Se ruega a todos aquellos grupos que posean bandera, la lleven consigo al Congreso, con objeto de enriquecer la ornamentación del salón donde tendrá lugar el Concurso Literario.

5.ª Para conocimiento de aquellos a a quienes concierna, comunico que el número de setiembre de Boletín, les será enviado contra reembolso de la cuota anual de 1964.

INES GASTON



* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Valencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako de H.E.F. vide al la Esperanto-kongreso okazonta en Valencio de la 21.ª ĝis la 24.ª de julio 1964a. Prezo: Poŝtk, kvin ptojn la deko. Kovertoj, kvin ptojn la deko.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

# CIVILIZO KAJ KULTURO

*Nicolás L. Escartín*

Atenta trarigardo al la pli-malpli fidindaj rakontoj de la homa historio pruvos al ni ke ĉiun mondepokon regis ideo kiu manifestiĝis tiel en la rasaj kiel en la naciaj idealismoj. Tiu ideo havis la naturan disvolviĝon propra al ĉiu «vivaĵo» el nia mondo: aperis, kreskis, atingis kulminon kaj finfine eniĝis en la abismojn de l'forgeso, sed kiel postreston lasis la ĝermon de nova ideo, do novan *vivkoncepton,* kiu siavice, dum pli-malpli longa tempodaŭro diktatore regis la homan menson kaj evoluigis difinitan aspekton el ĝia naturo. Al tiu karakteriza vivkoncepto, al tiu speciala homsinteno oni nomis civilización. Ne estas loko ĉi tie por detale enklasigi la sennombrajn kaj diversajn civilizaciojn kiuj vartis nian «infanan rason» kaj kundukis ĝin al la nuntempa stato kie atingas kulminon evoluciklo starigita laŭlonge de la pasintaj jarcentoj, kies bazaj tendencoj, *tipe materiismaj,* kreis nian modernan mondon kun ties karakterizoj, virtoj kaj malvirtoj.

En la nuntempo oni konsideras civilizita al tiu nacio kiu aprezas la intelektajn valorojn sed samtempe postulas materiaĵojn, pro tio nia menso —ekde la infanaĝo— ricevas trejnon propra al civilizo strikte materiisma; oni priatentas la aspektojn memorkapablo, diskriminopovo, analizo kaj kapablo por formuli *nur konkretajn ideojn,* strikte fundamentitaj sur *materiaj* kaj *sensocelaj* deziroj. Do, ni ne miru pri tio, ke la pleja procento el la interesiĝoj de nia civilizacio troviĝas ĉefe sur la kampoj de la ekonomia vivo. La vivado de ĉiu nacio, de ĉiu civitano, eĉ la tutaj klopodoj de nia tre evoluinta scienco troviĝas dediĉitaj al la materiaj vivfaktoroj, al la disvolvigo kaj eluzo de energioj kiuj havas **nure materiajn efikojn.** Celante egigi niajn posedaĵojn —la homa soifo estas tiurilate nesatigebla—, kaj plibonigi nian postenon ĉe la socio, ni tro okupiĝis pri la materiaj kondiĉoj de nia ekzistado. La spiritaj kaj subjektivaj valoroj de nia estado kaj de nia interna mio estis preskaŭ tute forgesitaj. La vivnecesa ekvilibro, do, rompiĝis: gravan homan aspekton oni neglektis, tial ni estas travivante krizepokon kiu nin devigos draste revizii tiujn valorojn kiujn ĝis nun oni konsideris netuŝeblajn kaj neskueblajn.

Tiuj kiuj en ĉiuj nacioj kaj en ĉiuj tempoj komprenis la ĝustan signifon de vera homkulturo tre atentigis pri la fakto, ke la kulturado de tiuj du aspekoj de la homo —materia kaj nemateria, palpebla kaj spirita— devas esti la celo de ĉiu integra kulturo. Ĉar civilizo koncernas la amason dum kulturo koncernas la individuon —la nevideblan spiritan homon—, civilizo plene esprimanta veran kulturon estas ja nura revo nuntempe; ĝi apartenas al la estonteco de la homa raso, sed povas esti celo kaj orientilo por niaj nuntempaj klopodoj.

Senton kaj menson, sentemon kaj penson oni devos harmonie rilatigi, kaj tiun taskon devos plenumi la kulturo, tiu kulturo kiu kapabligos la homon por vivi kiel *subjektiva* kaj inteligenteca estaĵo, en *materia* kaj *objektiva* mondo. La kulturita homo —jam mi skribis pri tio en alia okazo— kapablas rilatigi la mondon de signifoj kun la mondo de ŝajnoj, kaj ilin konsideras konsistigante duaspektan mondon en kiu li moviĝas same libere kaj plenkonscie.

Oni devos civilizi la amason antaŭ ol doni al ĝi tiun kulturon kiu faros el ĝi integrajn kaj konsciajn estaĵojn. La homa estulo devos kapabligi sin por vivi en mondo de *eksteraj* realaĵoj kaj samtempe rekoni tion, ke li vivas kiel *menso* kaj *animo,* en interna, al ili propra, mondo. Se oni sukcesas kaj atingas pozitivan rezultaton, la interna, subjektiva vivo de la homo kontrolos kaj regos la vivadon en la fizika plano kaj ĝin korekte gvidos. Ĝis nun ĉefe estis la mondreligioj kiuj klopodis orienti la homojn en la cititan direkton, sed ili pliakcentis la gravecon de la interna, subjektiva aspekto, sen pretendi la kunigon de ambaŭ, tio estas: la harmonian unuiĝon de la fizika kaj spirita flanko de la homo. Do, oni devos nepre elprovi novajn metodojn, kaj tio estas unu el la plej gràvaj taskoj kiujn devos plani kaj ekrealigi la pensuloj kaj registaroj de ĉiuj nacioj.

En la kampo de eduko —same kiel ĉie, kie oni volas atingi ion pozitivan— la unueco en la agado estas esenca faktoro por garantii ioman sukceson. Sendube,

## D-RO HIDEO YAGI

## JAPANA PREZIDINTO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

18-8-1899 . 6-5-1964

La sesan de majo 1965 mortis elstara medicinisto kaj laborinto por la Internacia Lingvo, Profesoro D-ro Hideo Yagi. Li atingis grandan eminentecon en la fakoj de ginekologio kaj akuŝa scienco, kaj krome prezidis dum la pasintaj du jaroj la Universalan Esperanto-Asocion, kies sidejo estas en Rotterdam.

Profesoro Yagi estis simpatia, ĉiame ĝentila sciencisto, plene dediĉita al la interesoj de la medicino, kiel ankaŭ al la progresigo de la Internacia Lingvo Esperanto, por kio li laboradis ekde siaj studentaj jaroj. Nur antaŭ kelgaj monatoj, neatendita apopleksio devigis lin haltigi siajn laborojn kiel direktoro de la Kawasaki Kancera Instituto en Okayama, kaj demisii el la prezidanteco de Universala Esperanto-Asocio. Tiel la sorto malpermesis al li, la unua azia Prezidanto en la historio de Universala Esperanto-Asocio, vidi la realiĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto sur azia teritorio, kiu okazos en Tokio en la somero de 1965, kaj por kiu li entuziasme pledis jam de pluraj jaroj.

Hideo Yagi naskiĝis proksime de Osaka la 18-an de aŭgusto 1899, kaj eklernis Esperanton en 1917. Kiel studento li fondis Esperanto-klubon en Kioto, kaj fondis kaj redaktis ĝian ilustritan revuon «Libero». Dum li ankoraŭ studis medicinon li verkis kaj eldonigis Japana-Esperantan Vortaron (kun aliaj), Kurslibron de Esperanto, kaj japanlingvan broŝuron pri la lingva problemo. En postaj jaroj li publikigis aron da originalaj medicinaj artikoloj en la Internacia Lingvo. En 1934 li fariĝis Profesoro de Ginekologio kaj Akuŝologio en la Universitato de Okayama, kaj restis en tiu funkcio dum 28 jaroj. Jam en 1937 li partoprenis en Universala Kongreso de Esperanto, en Varsovio, kaj tie prelegis. En la lastaj jaroj li fariĝis Vicprezidanto de la Internacia Federacio de Ginekologio kaj Akuŝologio, Prezidanto de la Azia Ginekologia Asocio, Rektoro de la Universitato de Okayama, kaj Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio. Lia morto signifas grandan perdon kaj por la medicino kaj por la Internacia Lingvo.

RIPOZU PACE!

---

en la edukosistemoj de ĉiuj nacioj *devus regi unuanimeco* pri la atingendaj celoj, kvankam unuformeco pri metodoj kaj teknikoj ne ŝajnas ebla nek necesa.

Por la estonteco ĉio ŝajnas ebla kaj realigebla, do ni klopodu kaj esperu, sed antaŭ ĉio ni faru nian plejeblon por eviti la uzon de la antikvaj kaj nedezirindaj instrumetodoj. Historio ne devas estis kaprica rakonto en kiu ĉiu nacio stulte sin gloras malavantaĝe al la aliaj; kie la faktojn oni sisteme falsigas kaj la militoj estas la aksoj ĉirkaŭ kiuj rondiras murd- kaj agreshistorio, kiu priatestas la triumfon de civilizo blinde materiisma kaj egoismoplena.

Kiel kontribuon al la plibonigo de nia mondo, nia majstro Zamenhof -kiu suferis en propra karno kaj animo la akrajn sekvojn de la malkonkordoj inter la homoj- kreis nian belan Esperanton, kies principoj kaj celoj ni devas apogi kaj disvastigi kiel noblan kontribuon al la kreo de vere integra homkulturo en vere civilizita homaro.



# SESA BARCELONA - PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

## Okazinta la 26an de Aprilo 1964

Villanueva y Geltrú estas bela industria urbo, kie dum kelkaj jaroj nestis la vigla societo *«Laboro Esperanta»* kies tre aktivaj membroj konstante disvastigis la Internacian Lingvon laŭ la kluba devizo: *«Laboru Esperante, esperu laborante»*. Antaŭ 50 jaroj jam okazis en tiu urbo kongreso de Esperanto, inter kies ĉefaj organizantoj estis fratinoj Rossell, plurfoje laŭreataj samideaninoj. La tiutempa Kataluna Esperantista Federacio adoptis por sia organizaĵo la devizon: *«Maro estas gutaro»*, kiun sugestis unu el la fraŭlinoj, Eŭlalia Rossell.

Nun, entuziasma izolulo, Patro José M.ª Claramunt, Sch. P., klopodas revivigi la tiean Esperanto-Movadon, kaj tiucele, li interesigis pri Esperanto la gravan lokan societon *«Fomento Villanovés»*, en kies kultura institucio, post inteligenta informado kulminanta per objektiva diserto de poeto Francesco Vilá Costa, oni sukcesis starigi novan Esperanto-grupon, kie ekde la 25.ª de februaro gvidis kurson la nomita Patro Claramunt. Ke la Esperanto-semon oni disŝutis sur bona grundo, tion pruvas la fakto, ke en intima kunlaboro kun la esperantistaj kluboj de Barcelona kaj ĝia provinco la nove fondita Esperanto - Grupo de *«Fomento Villanovés»*, sukcese organizis la 6.ªn Renkontiĝon, kiun ĉeestis proksimune 450 gesamideanoj el diversaj urboj de la regiono. La ĉi-jaran Asambleon afable akceptis prezidi D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, prezidanto de Hispana Esperanto Federacio, kiu speciale veturis el Zaragoza.

Jam matene la alvenintoj svarmetis tra la ĉefaj stratoj de la urbo, sub la scivola rigardo de la interesiĝantaj personoj de la loko. Kiel anoncite, la programon inaŭguris solena meso, kiun celebris Patro José M.ª Claramunt, Sch. P. Motetoj en Esperanto bele kantataj de la Infanĥoro de Piaj Lernejoj de Igualada, sub la lerta gvido de Patro José Vidal, Sch. P., akompanis la religian ceremonion. Dum la Diservo ĉiujn geĉeestantojn surprizis emocia prediko en la Internacia Lingvo, kiun elokvente faris nova, sed jam sperta esperantisto, Pastro Manuel Casanoves, C.M.F. Ĉe la fino, oni benis la standardon de la Esperanto -Grupo de *«Fomento Villanovés»*. Post la meso sekvis vizito en la Urbodomo, kie D-ro. Sancho Izquierdo en konciza sed objektiva paroladeto klarigis la celon de Esperanto kaj reliefigis la sindonon de niaj pioniroj. La urba reprezentanto respondis esprimante sian kontenton, ke denove Esperanto nestas en Villanueva y Geltrú, kiu urbo, li diris ĉiam 'apogis ĉiun kulturan movadon. Post trafa historiado pri la urbo, li finis dezirante al la loka esperantistaro sukceson en iliaj noblaj klopodoj. De la Urbodomo ĉiuj sin direktis al la institucio *«Fomento Villanovés»* por aŭdi la prelegon de D-ro. Mariano Solá.

Por la libroamantoj oni starigis tie Libroservon kun granda stoko da Esperantaj verkoj. Antaŭ la prelego, ankoraŭ la voĉetoj de la Infanĥoro ravis la ĉeestantan publikon per tre belaj kantoj en Esperanto. La etajn kantantojn kaj ilian gvidanton, Patro José Vidal, Sch. P., oni longe aplaŭdis.

Tuj sekve, D-ro. Miguel Sancho Izquierdo per ĝentila enkonduko prezentis D-ron. Mariano Solá, kiu siavice dankis la afablajn vortojn kaj komencis la anoncitan paroladon pri la temon: «La diverseco de lingvoj estas la plej grava obstaklo por la unueco de Eŭropo». Jen, kiel li parolis:

«La lingvo, t.e. la kapablo elsendi modulitajn sonojn el la homa laringo, modifitajn per la buŝo, palato kaj lipoj, konsistigas unu el la ĉefaj distingiloj, kiuj apartigas la homon de aliaj estaĵoj de la animala specio. Danke al la simbolaj sonoj de la parolo kaj al la figuraj vortoj en la skribo, la homo povas esprimi eĉ la plej abstraktajn nuancojn. La scio kaj sperto akiritaj de unu persono validas por aliaj, kaj neniam la homo devas komenci el nulo, ĉar ŝi profitas la konojn de antaŭaj homoj. Se miaj nepoj hodiaŭ komparas sian libron pri Fiziko aŭ Kemio kun la mia de antaŭ 60 jaroj ili mire konstatos, kion tiuj sciencoj progresis dum relative mallonga periodo. Ili, do, komencas lerni nun kun 60 jara avantaĝo. Kontraŭe, ĉe aliaj animalaj specioj, la progreso ne estas ebla, ĉar ili ne posedas lingvon, kaj pro tio, ĉiu estaĵo devas komenci el

nulo kaj nur havas siajn proprajn spertojn. Danke, do, al la lingvo parolata kaj skribita estas ebla la homa progreso.

La unua ago, kiun sendube realigis la praa homo, estis nomadi la objektojn, kiujn li vidis, sed tio ne estas la plej karakteriza; la plej karakteriza estas la vortoj abstraktaj, kaj precipe tiuj vortoj, kiuj esprimas la agon aŭ movon, t.e. la verboj. Antaŭ nelonge mi legis en anglalingva revuo la opinion de Usona artisto, kiu argumentis tiel: *Mi ne estas estaĵo, mi estas verbo; verbo estas ago, kaj ĉi tio estas kio karakterizas la homon.*

Li nur ripetis la faman frazon de la Biblio. Do, verbo egalas al ago, jen kio estas tipa kaj karakteriza de l' homo.

Rilate al la idiomoj ni scias, laŭ la Biblio, ke en Babelo komenciĝis la disdialektiĝo. Nun ekzistas, do, diversaj lingvoj, kiujn oni eĉ kaprice klasifikis kiel naturajn aŭ artajn. Fakte, tiu falsa rezonado estas simpla sofismo, ĉar ja ne ekzistas, neniam ekzistis, naturaj lingvoj same kiel ekzistas la plantoj, olivarboj, pinoj, kverkoj... Ne, la naturo kreis neniam idiomon, ĉar ĉiujn idiomojn, ĉiujn lingvojn senescepte kreis la homo, nur la homo ilin ellaboris. Konsekvence, ĉiu lingvo en la mondo estas arta, same arta, kiel la genia kreaĵo, kiun iniciatis Dro. Esperanto.

Ĉiam sonis en miaj oreloj, kiel malica blasfemo, la aserto, ke la Lingvo Internacia sole utilas por malgravaj interrilatoj, aŭ, maksimume, por kelkaj komercaj interŝanĝoj, sed ne por la beletraturo. Plurfoje mi faris komparon, kaj ĝin mi ripetas ĉi tie, kiu klare ilustras la konsiston de Esperanto. Ĉiu el vi certe iam promenis tra la fama aleo «Ramblas» en Barcelona kaj rigardis la kioskojn, kie oni ekspozas por disvendo bukedojn de diverskoloraj rozoj, ruĝaj, flavaj, blankaj..., kiuj delikate odoras precipe nun, dum aprilo kaj majo. Tiujn belajn rozojn el diversaj koloroj ne kreis la naturo, sed la homo. El la vere origina rozo; kvinpetala, palkolora kaj apenaŭ odoranta floreto, kiu troviĝas en arbaroj, lerta rozkulturisto, post atenta selektado, artifike kreas tiujn belajn rozojn, kies aromon kaj koloron ni admiras en niaj ĝardenoj.

Do, vera floristo de idiomoj estis ankaŭ D-ro. Lázaro Ludoviko Zamenhof, kiu post zorga selektado de la vorttrezoro de la ĉefaj parolataj idiomoj, malavare liveris al la homaro la Internacian Lingvon Esperanto, kies gramatikaj reguloj tute kongruas kun la ceteraj parolataj lingvoj en la mondo. Do, estas nekontestebla fakto, ke Esperanto samrangas al kiu ajn spontanee formiĝanta lingvo kaj ilin superas prola lerta selektado de ĝia aŭtoro, D-ro Zamenhof». En alia parto de sia parolado Dro. Mariano Solá lerte historiis la formiĝon de la lingvoj ĝis la nuna stato, kies kaosan situacion, li diris, nur povas solvi la neŭtrala lingvo Esperanto.

Finiĝinte la prelego, ankoraŭ restis en la salono aro da diversurbaj gejunuloj, kiuj, sub la prezido de Salvador Aragay, aktive partoprenis la anoncitan kunsidon de la Junulara Sekcio de Hispana Esperanto Federacio (HEJS).

Posttagmeze, post samideana bankedo en «Hotelo Universo», okazis «Esperantista Forumo», kies partoprenantoj rajtis paroli proksimume kvin minutojn pri la temo «Kiel vigligi la Esperanto Klubojn», sed nepre uzante la Internacian Lingvon, laŭ estis anoncite en la programo. La Forumon apertis Dro. Miguel Sancho Izquierdo, prezidanto de H.E.F., per trafa Esperantolingva paroladeto. Pastro José M.ª Claramunt laŭtlegis kelkajn alvenintajn leterojn, eĉ el eksterlando, salutantajn la Aranĝon.

Sub la lerta gvido de samideano L. Puig Gandía, el Sabadell, jen, ekstrakte, kion diris la forumantoj: Sro. de la Cruz, el Manresa, diris ke surbaze de la U.E.A.-programo, kaj konsiderante la lokajn cirkonstancojn, oni devas starigi planon de diversaj Esperanto-aktivecoj aranĝoj kaj stimuli ĉiujn membrojn partopreni ilin.—Salvador Aragay, prezidanto de HEJS., agnoskas, ke ĉiun Esperanto-grupon oni povas vigligi diversmaniere, sed li konsideras la Internan Ideon de Esperanto, kiel la plej interesan parton de ĉia vigligo. Liaopinie per homaraneco, frateco kaj amo oni povas pozitive vigligi la Esperanto-klubojn. — Sro. Martínez, profesia tradukisto kaj membro de Esperanto-klubo ĉe UNO, gratulas la hispanojn pro la grava Esperanto-Movado, kiun li konstatis ĉe ni. Tuj sekve li raportas pri la komplika funkcio de la traduka servo ĉe UNO kaj pri la rolo, kiun devus ludi ĝia Klubo de Esperanto. Li proponas, ke la tutmonda esperantistaro skribu rekte en la Internacia lingvo al U Than kun la peto, ke Esperanton oni agnosku samrajte al la kvin Lingvoj de tiu organizaĵo, kio faciligos la interkompreniĝon kaj evitos, konsekvence, la konstantajn

miskomprenojn. En aparta loko de «Boletín» la leganto trovos la koncernan alvokon. — Sro. Viladoms Valls, UEA — delegito en Sabadell, opinias, ke Esperanto devas ne esti sekto, kaj ke por ĝin progresigi, oni ĉefe devas celi la varbadon de la junularo pere de logikaj, sciencaj argumentoj kaj realaj faktoj. Nur tiel, li aldonis, la kluboj fariĝos viglaj. — Sro. Sender Brota, el Barcelona, post laŭda aludo al la grava Esperanto-prediko de Patro Casanoves, akcentis, ke la ĉefa afero de la Esperanto-kluboj estas manko de mono. Movado kultura, kia fakte estas la nia, li diris, nepre bezonas monon. Se la enlanda Esperantismo ricevus sufiĉan subvencion, de la koncernaj instancoj, li finis, multe oni povus fari, ĉar volontuloj ja ne mankas ĉe ni. — Sro. Castelltort informis, ke en Igualada la Esperanto-Movado ankoraŭ troviĝas en periodo de komenciĝo, sed li esprimas sian konvinkon, ke la Esperanto-semo baldaŭ ĝermos en lia urbo. — Pastro Manuel Casanoves diris, ke jam sufiĉe longe parolis matene dum la Esperanto-prediko. Tamen li koncize proponis, ke la veteranoj eltenadu kaj subtenadu la Esperanto-Movadon, kaj, ke la junularo ĝin antaŭenpuŝu. Li finis per entuziasma. Vivu Esperanto!! — Sro. Chaler, veterana UEA — delegito en Tarrasa, emocie rememoris, ke dum la jaro 1915 li vizitis la urbon Villanueva y Geltrú okaze de esperantista evento, kiam fraŭlinoj Rossell kaj Sro. Galcerán estis eminentaj aktivuloj, ne nur en tiu ĉi urbo, sed ankaŭ de la regiona Esperanto-Movado. Li sin montris kontenta pro sia ideala poresperanta agado kaj reliefigis, ke malgraŭ sia longa maljuneco, li persistos por Esperanto kaj ties Interna Ideo. — Sro. Tur, vicprezidanto de la klubo Hispana Esperanto Instituto en Barcelona, konsentas kun Sro. de la Cruz, ke oni devas adapti la Principaron de Frostavallen ankaŭ en nian landon. Al ĉiu esperantisto li rekomendas koni ĝisfunde Esperanton, la vivantan lingvon de vivanta popolo. Ni devas disrompi nian intiman cirkon kaj inviti la eksteran publikon, precipe la gazetistojn, ke ili mem konstatu, ke Esperanto reale vivas, ĉar ja la esperantistoj praktike ĝin uzas. — Salvador Gumá, UEA. — delegito en Reus,



Pastro Jozefo Claramunt (Piaj Lernejoj), reenkondukanto de Esperanto en VILLANUEVA Y GELTRU (Barcelona), dum la 23-a de Februaro, prezentas al S-ro. FRANCISKO VILÁ, Sekretario por la prsmio Comella-Bassols, kiu faris Prelegon pri "Progresoj de Esperanto en la nuntempa mondo", en la Salonoj de Societo Fomento Villanovés, ejo de la nova Esperanto-Grupo Villanueva y Geltrú, kie je tia agado komencis Esperantan Kurson, en kiu ĉeestas 45 gesamideanoj.

jene parolis: Kvankam ne ekzistas magia formulo por la vigligo de la Esperanto-kluboj, oni devas prepari la grundon, ĉar semo sur ŝtono ne ĝermas. Li sugestis, ke ĉiu esperantisto senescepte, devus esti preta anstataŭi aktivulon en la kluba administrado, redakto de bulteno, k.t.p. por kio estas necese, ke oni sin preparu. Li konsilis diversajn klubajn aranĝojn, precipe ekskursojn, dum kiuj oni povas praktiki la lingvon kun la vortaro en la poŝo, kaj akcentis, ke esperantisto, kiu ĝisfunde studis la lingvon, neniam forlasas la Movadon. — Ramón Molera, el Moyá, tutlanda ĉefdelegito de UEA, proponas por la vigligo de la Esperanto-kluboj: la aranĝon de parolataj ĵurnaloj, kio helpus praktiki la lingvon; la prezenton de dispozitivoj kaj filmoj, kiujn multaj konsulejoj eksterlandaj senpage pruntedonas. Li sugestas, ke la landaj Esperanto-societoj interŝanĝu sonbendojn kun folklora muziko, priesperantajn disertojn, parolatajn leterojn, k.t.p. Ankaŭ estas iu filmo en Esperanto, kiun la kluboj povus prezenti. Fine li proponas ke ĉiu finance iom forta Esperanto-klubo el Hispanio povus adopti esperantistan klubeton de Azio aŭ Afriko kaj ĝin helpadi sendante Esperanto-materialon, librojn, k.t.p. — Fine, Dro. Mariano Solá faris la sekvan paroladeton, kiu fermis la «Esperantistan Forumon». Estimataj amikoj! Mi nur pensas rakonti anekdoton, kiu rilatas ĝuste al tiu urbo Villanueva. Vi scias, ke mi partoprenis en la Kataluna Esperantista Kongreso, kiu okazis antaŭ kvindek jaroj. Mi profitas la okazon por saluti miajn maljunajn amikojn, kiuj organizis tiun kongreson. Certe rimarkis kiuj min aŭskultis hodiaŭ tagmeze, ke mi multe parolis pri historio, kaj kurioza afero estas vidi, kiel la historio fariĝas, iras kaj retroiras, tiel same, kiel kiam oni ekskursas al la montaro kaj tie oni vidas la flaveruĝan koloron de la rokoj, la verdon de la pinoj kaj la pli intensan verdon de la glanarboj, kaj se vi malproksimiĝas de la monto, iom post iom la koloroj malaperas, kaj kiam la distanco estas sufiĉa, vi vidas, ke la monto estas sole blua, kiun koloron donis la aero al la monto. Tiu unueco de la koloroj estas la esprimo de la distanco, kiu apartigas vin de la monto. Tiel same okazas ankaŭ en la historio kaj mi ĝuste spertis tion en tiu ĉi urbo Villanueva y Geltrú. Kiam antaŭ kelkaj jaroj mi vizitis la Muzeon Balaguer, mi eniris en la salonon, kie estas metitaj la moneroj, kiujn oni uzis en nia lando kaj mi havis tie grandan surprizon, kiam mi vidis, ke en tiuj skatoloj troviĝis tiuj moneroj de kvin ptoj. Kun la vizaĝo de Reĝo Amadeo, de la Respubliko de 1870 kaj de Reĝo Alfonso la XII[a] kiujn mi en mia juneco multe havis en la manoj kaj saltigis ilin sur marmora tabulo por aŭskulti la arĝentian sonoron, kaj vidi ĉu ili estas bonaj aŭ falsaj. Kiam mi vidis tiujn monerojn, kiujn mi uzis tiam, jam en la vitrino, mi sentis, ke tio jam fariĝis historio kaj tiam mi sentis ankaŭ, ke mi maljuniĝas.

Same kiel diris Dro .Solá, ankaŭ la 6.ª Renkontiĝo fariĝis historio, kaj jam oni sugestis, inter aliaj, la urbon MATARO por tie okazigi la 7.ªn Renkontiĝon. Tiun proponon oni konsideros en venonta kunsido de B.E.K. — Barcelono—provinca Esperantista Komisiono.

V HERNANDEZ LLUSERA



## Niaj pioniroj...

# D-ro. Daniel Llorén Sastre

Dro. Lloren, reliefoplena figuro el la hispana Esperantismo, venas hodiaŭ en niajn paĝojn. Venas, do, en oportuna momento kiam ni estas pretigante la lastajn aranĝojn por la okazigo de nia 25a Jubilea Kongreso. Certe ne estas malmultaj la samideanoj kiuj bone rememoras lin kiel Prezidanton de nia Federacio en la XII Hispana Kongreso —unua Kongreso de nia dua epoko— kiun oni celebris en Tarrasa post sukcesa trapaso de la krizaj tempoj kiujn nia lando kaj movado suferis.

D-ro. Lloren naskiĝis en la jaro 1889a en Forma, provinco de Alicante. Li atingis sian abiturientan diplomon en Onteniente ĉe la Pastroj Franciskanoj dum la jaroj 1900-1906aj. En la jaro 1907a li komencis la medicinan karieron en Valencio, kaj fariĝis Esperantisto en la jaro 1908a. Jaron poste —dum la somero 1909a— post la kvina Kongreso okazinta en Barcelono, li havis la okazon saluti nian Majstron en Valencio. La medicinan karieron li finis en la jaro 1913a kun Eksterordinara Premio. Unu el liaj okupoj dum la medicina lernado estis la instruado de Esperanto ĉe la Liceo de Duagrada Instruado. Li ankaŭ faris kurson de Esperanto per Radio.

Post ĉi tiu malgranda biografia skizeto, jen kiel Dro. Lloren respondas al niaj demandoj pri aferoj kiuj koncernas nian movadon:

1. *Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

Kiam mi estis juna, jus finiĝinta abiturientan studon mi studis francan lingvon. Iom poste, en Valencio, mi aŭdis paroli pri esperanto, kies unua impulso igis min iom kontraŭa al ĝi sed poste, dum la somero, mi sentis iluzion lerni ĝin kaj venontan kurson mi perfektigis ĝin en Valencio. Tio estis dum la oka jaro de tiu ĉi jarcento. Tiam mi estis studante anatomion.

2. *Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Post mia unua aŭdado pri esperanto mi kredis ke ĝi ne estis inda je studo, sed kiam mi post simpla opozicio deziris okupi min pri ĝi, vole ne vole, mi sentis min, altirita al ĝi. Mi kredis tiam esti varbita por ĉiam. Instigis min lerni esperanton, ĝia strukturo, ĝia facileco kaj ĝia brila estonteco.

3. *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

Se akceptita de Registaroj, la ĉefa celo estus forbalai de sur la mondo ĉiujn malfacilaĵojn estigitajn de la diverslingveco, kaj okupi la lokon propra de dua lingvo por ĉiuj: tiam la progreso flugus senbaroj; la mensogo socia estus malpli ofta, la politiko pli klara, kaj la scienco enirus libere ĉe flanka vojo.

4. *Kion vi -spertulo- konsilus fari al la esperantista aro por pliviviĝigi kaj pligrandigi nian movadon?*

Neniam forlasi la aferon: ĉian laboradi pri ĝi, kaj por ĝi, kun pacienco, progresigante samtempe la disvolviĝon de la rilatoj naciaj kaj internaciaj ĉar, ju pli tiu ĉi maturiĝos, despli intensiĝos la ĝenerala kunvivado de la homaro kaj, tiam, pli urĝa fariĝos la unueco de la interkomprenilo, kio estas esperanto.

XXV.ª HISPANA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO

Valencio 21 - 24 julio 1964

**KONGRESEJO:** Escuela Profesional de Comercio

Artes Gráficas, 29 VALENCIA

**AKCEPTEJO:** Lonja.- Plaza del Mercado.- VALENCIA



## ARTO,

## RELIGIO,

## kaj... ESPERANTO

Ĉiujare, dum la Kristokorpa Festo, la urbo La Laguno, Kanariaj Insuloj, ornamas per flortapiŝoj la tutan vojon kiun la procesio pasas. Jam plurfoje kaj ree ĉi-jare la Esperantista Societo de Tenerifo, interkonsente kun la urba magistrato, kunhelpis tiun aranĝon per pretigo de flortapiŝo antaŭ sia sidejo. La tapiŝo per kiu la societo ĉi - jare honoris la Plejsanktan Sakramenton, mezuris 6 x 5 metrojn t. e. 30 kvadratajn metrojn. Jen ĝia bildo.

---

5. *Post via longa vivo Esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj.*

Ke ili neniam sentu malvar mon ĉe iliaj koroj: ke iliaj fiaskoj tenu ilin ĉiam viglaj, esperante baldaŭan okazon, por rehavo: ke la mokoj, ridoj, kaj malŝatoj de la amikoj agu ĉe ili kiel mutaj stimuloj, kaj silente atendu la baldaŭan oportunecon por esti denove pretaj ataki, sed ĉiam kontentaj, neniam koleraj, kun la penso ĉiam ligita je la koro kaj je la spirito pri la sukceso estonta kaj certa de Esperanto.



# ZARAGOZA

*Emilio Gastón*

Provinco kies belaĵoj estas nekonataj de la plejparto el la turistoj, kies fortaj kontrastoj inter pejzaĵoj ĉiam malsamaj faras ĝin neatingebla al iu ajn slogano aŭ propaganda difino.

Se ni povus, forigante distancojn, kunigi pejzaĵojn por elmontri al la mondo la impresigan ekspozicion de kelkaj belaĵoj el la provinco; se ni povus en malgranda spaco montri la selektadon de panoramoj kaj aspektoj kiuj sin oferas al la vojaĝanto kiu detale vizitas nian teron, ni restus mirigitaj observante apud la akra kaj forta pejzaĵo de Monegros, la nekompareblajn kaskadojn de la rivero Piedra; apud la mezepoka urbo Sos del Rey Católico, la modernajn zaragozajn aerodromojn; kaj, apud Tarazona (la Aragona Toledo), la lumajn fontojn kaj la belegan parkon de Zaragoza.

Ankaŭ estas famaj en Zaragoza ĝiaj artaj kaj arkeologaj monumentoj. Ĉiuj epokoj de la Arto lasis siajn spurojn en nia tero.

La araboj, inter multnombraj postsignoj, lasis unu el siaj plej gravaj majstroverkoj: la Palacon de la «Aljafería».

La romanida arto abundas en ĉiuj urboj de «Cinco Villas».

La transiro de la Arto «Cisterciense» al la Gotika, havas siajn du plej reprezentajn ekzemplojn ĉe la «Monasterio de Piedra», ĉirkaŭita per naturaj pejzaĵoj kies beleco estas nekomparebla, kaj la «Monasterio de Veruela», kie ankoraŭ vivas lirika rememoro pri unu el la plej grandaj hispanaj poetoj: Gustavo Adolvo Becquer.

La Gotika stilo havas diversajn specimenojn tre originalaj en «La Seo» de Zaragoza kaj en la Katedralo de Tarazona, temploj kie ĝi intermiksiĝas kaj mirige sin kunordigas kun la Mudehara kaj a liaj diversaj artostiloj, kiuj difinas la malsamajn artostadiojn de la Aragona historio.

La mudeharan arton de nia provinco oni povas konsideri kiel unu el la plej riĉaj rilate la nombron kaj purecon de siaj verkoj. Zaragoza, Calatayud kaj Tarazona estas la urboj kiuj oferas pli da specimenoj el la menciita stilo.

Kaj, krom ĉiu ĉi diverseco pri artaj verkoĵ, en Zaragoza oni sciis krei kaj firmigi propran arton: La Aragonan Stilon, pere de konstruaĵoj el bruna briko kaj lignaj tegmentorandoj riĉe tajlitaj kies propra aspekto oni ne povas trovi en iu alia loko el Eŭropo. «La lonja» de Zaragoza, la Palaco de «Los Luna» (nuntempe Justica Palaco), la Palaco de la Grafo Sástago kaj aliaj sennombraj konstruaĵoj, oferas al la vizitanto la diversajn ekzemplojn de nia stilo.

Grandaj, universalaj artistoj havis sian lulilon en ĉi tiu tero, ekzemple: Francisco de Goya —unu el la plej grandaj pentristoj el ĉiuj epokoj— naskiĝis en la malgranda vilaĝo «Fuendetodos» kaj lasis en Zaragoza gravegajn verkojn, multajn el ili oni povas admiri en nia Provinca muzeo.

Mi ne ankaŭ povas forgesi, pro la akcentita fervoro kaj religia emo kiun vekas ĉe la popolo, la grandan Templon de Nia Sinjorino «del Pilar», kies kupoloj enloĝigas la Virgulinon, Patronino de la «Hispanidad».

LA HISPANA MINISTERIO POR EKSTERLANDAJ AFEROJ KOMISIIS AL NIA PREZIDANTO D-RO MIGUEL SANCHO IZQUIERDO LA OFICIALAN REPREZENTADON DE LA HISPANA REGISTARO ĈE LA 49ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN HAGO

Sekve de oficiala skribaĵo sendita de la konstanta kongresa sekretario Sro. G. C. Pompilio al la hispana Ministro por Eksterlandaj Aferoj —tra la Hispana Ambasado en Nederlando— petante la sendon de observanto al la 49ª Universala Kongreso de Esperanto— observanto kiu povos konstati la laborojn de la Kongreso kaj la praktikajn aplikojn en ĝia sino de la internacia lingvo—, oni komisiis al nia Prezidanto la oficialan reprezentadon de la hispana registaro ĉe la menciita Kongreso, okazonta en Hago (Nederlando) de la 1º ĝis la 8ª de aŭgusto 1964a.

PREMIO «COMELLA-BASSOLS»

## SESA KONKURSO

Oni donacos 2.000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto.

*Ĝeneralaj reguloj*

1.ª La konkursaĵoj havu la amplekson de po 2000-3000 vortoj.

2.ª La konkursaĵoj nepre estu maŝinskribitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.

3.ª Oni skribu sur ĉiu rakonto pseŭdonimon por kaŝi la identecon de l'aŭtoro, kaj -en aparta koverto- sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.

4.ª La Juĝanta Komisiono, laŭ testamento de Sro. Jacint Comella (kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A. kune kun katalunaj juĝantoj.

5.ª La konkursa kotizo, por unu aŭ pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanio, kaj 4 steloj por eksterlando, (aŭ 3 respondkuponoj). Por landoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.

6.ª Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.

7.ª La limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 31.ª de Aúgusto de 1964.

—— Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo:
Por la Konkurso COMELLA-BASSOLS
Sro. Francesc Vilá-Sekretario.
Instituto de Esperanto, Strato Montcada, 12
BARCELONA (3)
Hispanio.

Alia realaĵo el ĉi tiu regiono estas ĝia forta kaj signifoplena folkloro: la «jota». Ĉi tiuj kantoj kaj dancoj, vireskaj kaj emociigaj, jam konataj en la tuta mondo, radikas en ĉi tiu tero kaj estas ĉi tie kie oni povas ĝin taksi kun pli da diverseco kaj tipa eco. Ĉar kvankam la origino de la «Jota» estas tre malnova kaj diskutebla kion neniu dubas estas ke Aragón sin donis al la «jota» tiel intense kaj ameme ke sciis igi ĝin propraĵo, doni al ĝi sian karakteron, komuniki sian spiriton, eltrovi sian misteron kaj grandecon kaj surtronigi ĝin en la plej elstaran lokon el la Aragona liriko, honorante ĝin kiel Reĝinon.

Al ebla turisto ni ne povas senigi je mencio pri la karaktero kaj spirito de la aragonanoj, karaktero kiu firmiĝis en ili laŭlonge de la historio kaj kunrilatiĝis kun la malmilda klimato kaj la forta vento kio hardis la homojn antaŭ la naturaj sezonaj krudaĵoj, kaj samtempe donis al ili persistemon en ilia historia laboro. La sincereco kaj persistemo de la aragonanoj kontentigas la vizitonton ĉar li scias tion, ke li troviĝas en loko kie oni lin noble traktos, kaj kie neniam oni lin trompos.

Krome, ĉiu turisto povos ĝui en Zaragoza gustumante la bonegajn vinojn el la «Cariñena» kamparo kiuj, spite la malmulta propagando estas nuntempe la vinberbuljonoj plej gustaj kaj fortaj el Hispanio.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*Poul Thorsen: SEN PARAŜUTO. Testamento de ———.— (Prezento) Konfidence al la Leganto de Henri Baupierre. - Kovrilo kaj 5 dekoracioj de Erling Höfft. - STAFETO: Beletraj Kajeroj, 20. - J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1963. -* 12 × 18,5 *cm. -* 144 *paĝoj. - Prezo:* 1,20 *usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

Ĵus finleginte la poemaron de Poul Thorsen mi klopodas spikumi el ĝi la saĝogrenojn kiujn testamento de ekvilibra homo devas nepre enhavi. La libron konsistigas parte originala kaj parte eldanigita poemaro. Tiu ĉi lasta, sub la titolo «Heredo dana» kapigas la unuan parton. Laŭ mia persona gusto, el ĝi altiĝas la poemo «Olda amanto» de P. M. Moller, Dua Premio en Belarta Konkurso, Majenco 1958.

La dua parto, «Porokaze» estas parte lirika rememoro pri fortravivitaj pasintaĵoj, kaj parte aludoj pri okazintaĵoj, personoj, lokoj, datoj el la vivo de la aŭtoro. En la tria parto, «Postrikolto», flamas serene entuziasmo, nervoplena esprimado, speciale en la poemo «Mi metos kandelon».

Dolĉa melankolio, kiun milde vualas la lastaj —de bele hela aŭroro— esperoplenaj vortoj, iel kontaĝas la leganton per la poemo «Trans la sojlo» kiu rememoras mortintan amikon, kiun li aŭdas paroli pere de skribo kaj rememoro pri agoj kaj sintenoj, ĉar kvankam...

«forvelkis la manoj la skribon skri-<br>[bintaj<br>...viglas la vortoj papere».

La kvara kaj lasta parto, «Postpluke» —Miniaturoj— estas variaĵoj bonguste spicitaj pri la plej diversaj temoj: Fabeletoj, konsiloj, gracioplenaj epigramoj k.t.p. kiuj certe agrabligos la legadon.

Post la trafrando de la libro mi ne povis eviti min demandi, kion finfine Poul Thorsen instruas al ni per ĉi tiu Testamento; kiu estas fakte la kerno de lia sinteno antaŭ la vivo; kaj mi resumis miajn konkludojn per la jenaj vortoj: apertan spiriton, toleremon, sed tamen malkompaton antaŭ forigindaĵoj, sanan koron, kaj sentemon —neordinare ampleksan— por respondi al la plej etaj vivadaĵoj. Krom ĉio tio la libro enhavas reliefigindajn valorojn, ekzemple: la ĉarmajn dekoraciojn de Erling Höfft; kaj la belan, mirinde koncizan stilon, la klaran kaj kelkloke simplan, sed tamen potencan kaj laŭcelan lingvaĵon; sed ja la zorgo pri la lingva aspekto de la eldonaĵoj estas unu el la ĉefaj karakterizaĵoj de ĉiuj libroj de STAFETO.

N. L. ESCARTIN

*Thorsteinn frá Hamri: SUB STELO RIGIDA. - Prologo kaj traduko de Baldur Ragnarsson. - Kovrilo kaj 8 dekoracioj de Ásta Sigurdarthóttir. - STAFETO: Beletraj Kajeroj, 21. - J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1963. -* 12 × 19 *cm.* 132 *paĝoj. - Prezo:* 1,20 *usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

La Esperanta lingvaĵo de Baldur Ragnarsson redonas al ni, en ĉi tiu libro de STAFETO, la poemaron de la islanda poeto Thorsteinn frá Hamri.

En ĉi tiu poemaro de nia islanda intuiciulo oni povas trovi la ĉefajn trajtojn kiuj karakterizas la modernan sed tamen eternan poeton, kaj novan sintenon antaŭ la vivo; la plej intiman priskribon: reagoj de sentemulo antaŭ la ŝajna nekomprenebleco de la ĉiutagaj okazintaĵoj kiujn la vivo devige metas antaŭ nia vivovojo. Esence, la libro estas konscia-nekonscia sopiro pri mondo pli vera, pli pura, kaj antaŭ ĉio pli homa, en la tuta senco de la vorto.

Kiel faro de poeto klopodanta ĝui kaj penetri la veran estecon de la perceptitaj agoj, la plej granda parto el la poemoj estas simbolaj priskriboj, sencoriĉaj bildoj vivigitaj per rafinitaj, zorge elektitaj vortoj. Tipe poezia estas la delikata malĝojo, la pesimismo, kiu pli-malpli kaŝe parfumas la tutan poemaron. Ĉio en ĝi sopiras al tio kio forpasis, al la nekomprenebleco de tio kio okazas (oni ne scias kie lokigi ĝin interne de nia mio), al la necerteco pri venontaĵoj ...ja ni ankaŭ estas senpovaj antaŭ la estanteco!

En la unua parto de la libro, «Donaco por nova mondo», kelkaj poemoj en prozo (Homo loĝas...; La Arbo, Posedaĵo, Okuloj, La Nigra Ŝtono) donas ateston pri sopiro de la aŭtoro al nova, pli verŝata konscienco. Tra peĉe nigraj nebuloj ekbrilas nova konceptoformo, obskura deziro pri mondpercepto pli intima, pli reala. Tiuj poemoj venigis en mian memoron la enigman verkaron de la genia kaj originala verkisto

Franz Kafka. Ambaŭ —laŭ mia opinio— sopiras nekonscie al nova homo: superulo kiu kapablos fari el ni perceptilon pli taŭgan por mondo ĝis nun nekonata en esenco kaj signifo. En tiu unua parto mi reliefigus du poemojn: «La Libereco kaj la dio», kaj «Kanto de Tombistoj».

En la dua parto de la libro, «Lando de Vivantoj», oni retrovas la saman «homan» timon. Eble, laŭ lingvo, la formo estas pli matura, pli firma, pli riĉa, sed la penso ne estas pli profunda ol tiu de la unua parto. Unu el la poemoj, «Ĉe la fajroj» elstaras pro ĝia profundeco.

«Sango defias vin dancanto» —En memoro al Patrice Lumumba— montras la kreopovon de l'aŭtoro por simbole esprimi la nigrulan batalon pro la idealigita libereco, ĝis kiam...

(1a) blanka skorpio agonios
en la propra veneno
falegos en la tombon de oro
kaj mortos
en tiu hela maten'.

Aparte rimarkindan mencion meritas la artaj dekoracioj de Asta Sigurdarthóttir, edzino de l'aŭtoro, kiuj mirige harmonias kun la enhavo de la libro kaj klopodas interpreti signifojn. La tradukisto uzis Esperanton kun tiela lerteco kaj bona gusto ke la verko ŝajnas ne traduko sed originalo plena de riĉigaj nuancoj kiuj kelkloke sukcesas doni al la teksto mirindajn muzikecon kaj delikatecon.

N. L. ESARTIN

## GRATULOJN AL STAFETO

Per la du supre recenzitaj libroj la Eldonejo STAFETO kronas dekunuan eldonjaron je la servo de Esperanto, kun 44 sendependaj volumoj, aperintaj en tiu laborperiodo. Elkoran gratulon, do, al nia eldonisto kaj fervora samideano J. Régulo Pérez, kreinto kaj direktoro de STAFETO, kaj ANTAŬEN! en la nobla laboro por la diskonigo de la literaturaj kaj ceteraj valoroj de nia movado.

## RAPORTO DE LA JUNULARA SEKCIO DE H.E.F. (H.E.J.S.) INTER LA XXIVa KAJ XXVa KONGRESOJ

La menciita periodo estis por la junulara sekcio vere tre sukcesa; unue ĉar la deklaro de la «Jaro de la Junularo» donis al ĉiuj Esperantaj Grupoj, fortojn kaj energiojn por organizi kaj vigligi siajn junularajn sekciojn, kaj rezulte de tio firmigi la pozicion de H.E.J.S.; kaj due, ĉar la gejunularo taksis ĝuste la aktualan momenton kaj komprenante ke sia kunlaboro estis necesa, ĝi entreprenis diversajn aranĝojn en la kadroj de la Esperantaj grupoj aŭ ekstere de ili.

Menciinde estas la jenaj sukcesoj: La 2-a H.J.E-K en la kadro de la antaŭ 24-a Hispana Kongreso de Esperanto en Barcelono, en kiu aranĝo oni gastigis 4 eksterlandajn gejunulajn reprenzentantojn, organizis Oratoran konkurson, specialan kunvenon kaj laborkunsidon.

Fine de la jaro 1963-a la H. E. J. S.-anoj de Barcelono luis sidejon por la Delegacio de H.E.J.S., en ĝi regule kunvenas la geanoj kaj oni ankaŭ organizis du E-kursojn unu el ili elementa kaj alia meza.

Ankaŭ aliaj H.E.J.S.-anoj tiuj el Madrido entreprenis kuraĝe multajn aferojn inter ili estas menciinde la multobligado de ĉiudumonataj bultenoj kiuj estis dissenditaj al ĉiuj H.E.J.S.-anoj el Madrido kaj H.E.J.S.-estraro.

Same laŭdinde estis la laboro de aliaj H.E.J.S.-delegacioj el Manresa, Sabadell, Tarrasa, Moya, kaj Tarragona, kiuj varbis por H.E.J.S. pliajn abonantojn al nia bulteno, tio kio permesis eldoni ĝin kun pliajn paĝojn.

Fine ni nur deziras mencii ke la JUNULARA SEKCIO marŝas antaŭen kun firma bazo, ĉar nun jam abonis la HEJS-bultenon la membro numero 225 tio kio signifas do ke iom post iom ni atingas la sopiratan forton.

Ni kore esperas fide, ke estontece pliaj gejunuloj enkadriĝos en H.E.J.S. kaj nia junulara movado helpos kaj sekvos la brilan laboron de la nunaj veteranoj.

La Prezidanto de H.E.J.S:, S. ARAGAY

## RAPORTO DE INFORMOFICEJO DUM LA JARO 1963-a

La laboron de nia Informoficejo dum la antaŭa jaro oni povas dividi perfekte en du partoj; unu el ili traduki la informojn de Informa Fako kaj Internacia Gazetara Servo de U.E.A., kaj poste sendi ilin al la radiostacioj, radioj, ĵurnaloj kaj revuoj; kaj la dua kontroli kiaj radiostacioj, radioj, ĵurnaloj aŭ revuoj, publikigis ilin, kaj noti la sukcesojn.

Kompreneble por la menciitaj laboroj, la kunlaborado de volontuloj estas nepre necesa, ĉar nur se ili sendas oportune niajn informojn al taŭga persono de la redakcio kaj poste sendas al ni la publikaĵojn aŭ komunikas al ni ĉu la informojn estis publikigitaj, nia laboro de tradukado, eldonado, sendado, utilas kaj estas profitita; inverse se niaj regulaj kunlaborantoj, apatie ne helpas nin, malmulton lande, ni povas atingi. Ĉar niaj rilatoj kun la menciitaj informaj organoj estas tre limigitaj.

Ni mencias ke dum la antaŭa jaro multaj kunlaborantoj helpis nin kaj samtempe kiam komence la nuna jaro ni sendis al ili demandaron, kun la celo scii precize la atingaĵojn de la jaro la plejmulto respondis per tre bonaj informoj, tio kio, permesis al nia Informoficejo respondi adekvate al la I. F. de U. E. A. rilate al ĉiuj ĝiaj demandoj.

Skize ni informas vin pri la plej gravaj atingaĵoj:

Artikoloj kaj informoj aperintaj en la gazetaro 215, el ili nur 2 malfavoraj. Prelegoj por neesperantista publiko: 18.

Radio prelegoj aŭ informoj pri E. aŭ Zamenhof: 100.

Intervjuoj aŭ informoj pere la Televido: 5

Ekspozicioj pri Esperanto: 4

Dissendis aŭ disdonis dum la jaro: 1000 afiŝojn; 5000 prospektojn; 14,000 flugfoliojn kaj propagandilojn.

Meritas specialan dankon pro tre merita laboro en tiu senco la Madrida Esperanta Liceo, kiu private eldonis 5000 ekzemplerojn de kvar informa paĝo pri la Esperanta Movado kiu estas majstra ilo pro la varbado de novaj lernantoj, kaj aliaj 5000 flugfoliojn kaj prospektojn.

Komparante la rezultojn ni atingis etan plialtiĝon rilate la antaŭan jaron, tiel do ni sekvos saman vojon dum la kuranta jaro.

Tamen, ni atendas viajn opiniojn, ideojn pri kiamaniere ni povus utiligi pli bone la aktualajn materialojn kiujn ni disponas.

Atendante viajn sciigojn kaj informojn ni finas tiun ĉi raporteton.

Prezidanto, S. ARAGAY — Sekretario, R. MOLERA

# XXX.ª KONGRESO DE I. K. U. E. EN VALENCIA

**24 - 29 de Julio de 1964**

## KONGRESPROGRAMO

| | |
|---|---|
| 23ª de Julio (jaŭdo) | Akcepto de la kongresanoj kaj disdono de la dokumentaro en la granda salono de la Lonja (plaza Mercado). |
| de la 17ª h. | Saluto en la Ora Salono de la Lonja. |
| 24ª de Julio (vendredo) | |
| 9.00 h. | Inaŭgura Diservo en la preĝejo de S. Laŭrenco. Celebras kaj predikas: Sac. A. Beckers, Prez. de I.K.U.E. |
| 11.00 h. | Solena Akcepto, en la Urbodomo, de ambaŭ kongresanaroj (H.E.F. kaj I.K.U.E.). |
| 12.00 h. | Malferma kunveno. (str. Trinitarios, 3). |
| 16.00 h. | Estrarkunsidoj. (str. Trinitarios, 1 kaj 3). |
| 18.00 h. | Prelego de Drº. M. Solá pri «Don Kiĥoto» (Aŭditorio de la Universitato). |
| 25ª de Julio (sabato) | Festo de S. Jakobo. |
| 9 h. 30. | Solena Meso en la kapelo de la Sª Kaliko. Katedralo. Celebras la Ĉefepiskopa Moŝto de Valencio. |
| 10 h. 30. | Ĝenerala fotado. Poste, Estrarkunsidoj. (Trinitarios, 1 kaj 3). |
| 16 h. | Ĝenerala Kunveno de I.K.U.E. (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 19.00 h. | Prelego de Drº F. de la Puente (Zaragoza), pri «La hejma paco». (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 26ª de Julio (dimanĉo) | |
| 8.00 h. | Meso en la preĝejo de S.ª Laŭrenco. Celebras kaj predikas P.º G. Jacobitti (Romo). |
| 10.00 h. | Vizito al la muzeoj de la urbo. |
| 18.00 h. | Prelego de P.º M. Casanoves (Cervera), pri: «La problemo de naciaj malplimultoj en la encikliko «La sultera paco». (Kolegio de S.ª Jozefro). |
| 19.30 h. | Ĝenerala Kunveno de L.A.F. (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 22.00 h. | Bankedo en «Club Náutico» (regalaĵo de Aŭtoritatuloj al la kongresanaroj de H.E.F. kaj I.K.U.E.). |
| 27ª de Julio (lundo) | |
| 8.00 h. | Meso en la preĝejo de S.ª Laŭrenco. Celebras kaj predikas P.º J. M.ª Claramunt (Villanueva y Geltrú). |
| 11.00 h. | Tuttaga ekskurso al Sagunto kaj Monte Picayo. |
| 19.00 h. | Prelego de P.º J. M.ª Claramunt pri «Universala bonfarto-paco-mondsocieto, en la encikliko «La surtera paco». (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 28ª de Julio (mardo) | |
| 8.00 h. | Meso en la preĝejo de S.ª Laŭrenco. Celebras kaj predikas P.º M. Casanoves. |
| 10.00 h. | Estrarkunsidoj. (Trinitarios, 3). |
| 11.00 h. | Malfermo de la poŝtostafeto en la Palaco de la Deputitaro. |
| 13.00 h. | Solena akcepto de la kongresanoj en la Deputitejo. |
| 16.00 h. | Kunveno de la Hispana Ligo de la I.K.U.E. (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 19.00 h. | Solena Fermo. (Kolegio de S.ª Jozefo). |
| 29 de Julio (merkredo) | |
| 9.00 h. | Meso en la preĝejo de S.ª Laŭrenco. Celebras kaj predikas P.º G. Pausback (Fátima). |
| 10.30 h. | Tuttaga ekskurso al Saler, lago Albufera kaj Cullera, |
| 20.00 h. | Adiaŭa Festivalo, en la palaco de La Lonja. |

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - Zaragoza D. L. Z-375-63